# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

https://translate.google.com/

**PLENUMITA 10/11/2016 Ducentnaŭdekkvina eldono 10/11/2016 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**





**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**




**SENDATA AL 305.** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Ekstudis pli ol **595,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# La senutila, ĉar dusenca, "fare de", kaj la gramatike monstra "far".



Esenca karaktero de aglutinado, eĉ plene obeata de la angla, estas ke la ĉefelemento de kunmetaĵo ĉiam troviĝas laste (escepte se la naturo devigas alie, kio ege malofte, kaj specife, okazas).

Se do oni volas fari adverbon por uzi kun prepozicio kiel prepoziciaĵon, kiel en "La pentraĵo farita/e de Vanĥoĥ", ĝi ne povas esti "fara" sed estas "ita", do ne "fara de Vanĥoĥ" sed "ita de Vanĥoĥ", ĉar "ita/e" estas la ĉefelemento. Konsekvence la prepoziciaĵo estas ne "fare de" sed "ite de" Vanĥoĥ. En moderna Esperanto "ate de", pro la Regulo pri Signiforedukto.

Ĉar la prepozicio "de" havas, pro Zamenhof, kvar malsamajn signifojn, el kiuj du kontraŭajn, Esperantologoj jam ellonge penis trovi anstataŭantojn por tri el la signifoj, precipe por tiu de la pasiva ago, ekzemple "La murdo (farita) de la policano", kontraŭe al "La murdo de (= ante al) la policano". En plej multaj kazoj la propono de tia prepozicio estis fremda neologismo. Sed Grosjean-Maupin penis krei Fundament'ecan novan prepozicion, el la esprimo "farite de". Estante franco, kies lingvo ne estas aglutina, li ne komprenis ke la pentraĵo ne estas "fara", sed "ita", ja la ĉefelemento, kaj ke tial la pentraĵo ne povas esti "fare de", sed devas esti "ite de" la pentristo. Neke ĝi povas esti "far Vanĥoĥ", sed devus esti "it" aŭ "at" Vanĥoĥ. Ĉar do en "fare de" la pentraĵo plu estas ne "fare" Vanĥoĥ sed "de" Vanĥoĥ, la problemo ne solviĝas ĉar "de" retenas siajn kvar signifojn: "fare apartenante al V.", "fare for de V.", "fare ante al V.", kaj "fare ite de V."

Estas nestranga ke franco, Grosjean-Maupin, ne povis kompreni nek senti la aglutinan nocion de ĉi tiu problemo, sed estas tre stranga, ke germana Esperantologo, Wennergren, pro sia akcepto de "far" kaj de "fare de", evidente ne komprenis nek sentis la aglutinecon, dum lia lingvo estas post Esperanto la plej aglutina. Krome ambaŭ evidente ne sciis, ke kreante la prepozicion "far" oni kreas escepton al la karaktera regulo, ke ĉiu prepozicio kapablas uzati kiel verbo kaj ke tiam la subjekto

estas la parto antaŭ, kaj la objekto la parto post la prepozicio: la manĝo antaŭ la parolado fariĝas “La manĝo antaŭas la paroladon”, neniam inverse, pro la verba karaktero de prepozicio. (Notu ke “peras” signifas proksimume “uzas”, “estas per”: “La vojaĝo peris aŭtobusojn” kaj “La distribuado peras la lokan butikon”, kiu lasta estas la perato, ne la peranto!). La rezulto de tiu nescio estas, ke ekzistus du kontraŭaj signifoj de la verbo “fari”, nome unue “la pentraĵo faras la pentriston” (el “far la pentristo”), kaj due “La pentristo faras la pentraĵon” (= la origina signifo de “fari”). Estas krimo enkonduki nenecesajn esceptojn en Esperanton.

Kompreneble ekzistas alternativaj ĝustaj kaj Fundament’ecaj formoj: “La murdo ate de la policano”, kie la policano murdas, kaj “La murdo ante al la policano”, kie la policano murdatas. Oni jam komencas uzi ilin anstataŭ la dusignifa “de”, sed nur kiam tio estas absolute necesa por eviti miskomprenon.

Marcel Leereveld.



# El Adelajdo



La lastan kluban kunvenon en Adelajdo partoprenis 12 homoj. La ĉefa parolanto estis Marja Nielsen el Whyalla kaj la temo estis ŝiaj marŝoj en diversaj landoj de la mondo.

1Michael Marja Birgita Madelene



Surfote: Marja kun siaj filino Birgita, bofilo Michael kaj nepino Madelene - ĉiuj esperantistoj
Sendis Katja Steele



# Manlio-Esperanto-Klubo



Kunveno je 5a de Novembro 2016
Cunama praktikado en la evento de tia krizo okazis lastan sabaton per

la SES (Ŝtata kriza servo) volontuloj ĉe Manlia plaĝo.
Tamen, ni havis nian propran etan sudan ŝtormon pro la vizito de Kam kaj May el Tasmanio.
Post multaj babiladoj, May butikumis kaj eniris la akvarion apud la kajo. Ŝi ŝatis la keloniojn.
Tiam, Kam eltiris komplikan fotilon el sia sako kaj muntis ĝin.
Kun granda energio kaj sperto li kaptis kelkajn fotojn de ni.
Tre ĝuinda. Chris Holliss







Post la kunveno Kam venis (Nur 7 minuta promenado) por lunĉi kaj foti kelkajn fotojn de mia domo.

Raportis Roger .



# VERSAĈO AL FATRASO






Vera Payne

**1** Antaŭ multaj jaroj
por etulino mi
la vivo estis simpla
ĝojplena nepre ĝi. ➔

**2** Tute mankis aĵoj
nenecesaj sciu vi,
Ilojn manipulis mi
ne "posedis" min ili!

**3** Venis temp' pliaĝi
kaj vivi sola ja
Aĵoj gravis tiam
al junulin' Vera. . ➔

**4** Vestoj, libroj, posedaĵoj
bezonitaj tiam jes,
sed ho ve, post kelkaj jaroj,
transmutacio - en *big mess*!
*(Malordego)*

**5** Pli da posedaĵoj...
jen bonaj, jen fatraso;
helpu! kion fari?
Al *Vinnie's* la amaso? . ➔
*(eklezia helpbutiko)*

**6** Ĉu ankaŭ vi, leganto,
kolektas jen kaj jen
aĵojn ontbezonajn?
(sed bezonajn *when*??) *(kiam?)*

**7** Tiuj *ont*-aferoj
en skatoloj pli multiĝas,
la kompatindaj ĉambroj
kun ili tutpleniĝas. . ➔

**8** La kestoj, sakoj, ko to po
troplene amasiĝas;
mankas temp' purigi do....
eble nun putriĝas?

**9** Ĉu miajn karajn librojn
minacas la abismo
pro ĉiujara amasiĝ'
de polvo kaj lepismo? . ➔

**10** Mi kolektis el Francio
memoraĵojn belajn ja,
ankaŭ el Balio,
(kompreneble Kroatio)

**11** Kaj el...kaj el... ho mia Di'
kial portis hejmen mi
tiom da fatraso
(pli peza ol matraco)? . ➔

**12** Sufiĉas vortoj kaj bedaŭr',
venis temp' por agi:
ek de nun al kolektad'
nepros mi min gardi.

**13** Adiaŭ roboj de miljar',
adiaŭ donaceto,
adiaŭ malutila ar'
grandega aŭ peceto. ➔

**14** For! aĵoj nenecesaj
lasu min en paco
por ke baldaŭ ĝuu mi
multe pli da spaco! ☺☺☺













★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

**Sendu vian rakonteton al AE kaj la mondo**

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

**La Esperanta Retradio donas bonan ĉirkaŭ-5-minutan aŭskultadon/legadon ĉiun tagon.**



## Pri vokaloj kaj konsonantoj




Kvankam la vorto "lingvo" ŝajne atribuas al la lango la plej grandan signifon por karakterizi lingvon, tio tamen ne estas trafa. La teknika bazo de la homa lingvo estas la voĉo, do la kapablo de la homo produkti sonojn per la voĉkordoj.

Tiuj sonoj estas varipovaj laŭ sonalteco, longeco, forteco. Tio jam malfermas multajn esprimeblecojn, precipe se tiuj vokoj aŭ krioj estas akompanataj de gestoj kaj mimiko. Kaj la sonoj kiuj ĝis tiam estas puraj vokaloj povas ankaŭ eliri tra la fermita buŝo, nome se ni diras "mmmm". Se post tio la buŝo malfermiĝas, tiam elfluas vokalo, kiu plej ofte estas "a", kaj tiel ekestas la unua vorto, nome "ma" aŭ "mama". Tre simila al "m" estas "b" por "ba" aŭ "baba". Ktp ktp ktp

**Tre interesa programo. Klaku, legu kaj aŭskultu Pri vokaloj kaj konsonantoj**

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



Kara Roger
Mi dankas pro la fidela alsendado de "Aŭstralaj Esperantistoj". Estas ĉisemajna nova ĝojo por mi, legi ĝin.
Nun mia kuzino, kiu ankaŭ lernas Esperanton, elpetas la alsendadon de AE. Ĉu tio eblas? *(Jes, Bonvenon, Roswitha, al la legantaro de AE. Roger Springer)*
Mi kore salutas el Germanujo, Hermann Kroppenberg

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

Kara Roger,
Mi miregas, ke mi ne trovis ajnan informon pri la plej furora projekto nuntempe, Amikumu!
Ĝi eĉ estas estrita de sidnejano, Evildea kaj finance subtenata de AEA... kaj ŝanĝos la tutan mondon!
Detaloj: https://amikumu.com/ks
Amike, Chuck Smith.
*Bedaŭrinde, mi ne miregis ke oni forgesis sendi informon al AE Roger Springer*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# KIAM, KIE, KIO OKAZAS? – INTERNACIA KALENDARO

pri Esperanto-renkontiĝoj, kongresoj, festivaloj! Aktuala listo pri ĉiuj konataj Esperanto-renkontiĝoj kaj kongresoj, kiuj akceptas vojaĝantajn esperantistojn kiel partoprenantojn.

**Adreso de la Kalendaro:**
http://www.eventoj.hu/kalendaro.htm

EVENTOJ
INTERNACIA KALENDARO

Vojaĝu al Esperanta renkontiĝo! Serĉu kaj trovu simpatian aranĝon, kun datoj, nomoj, mallonga priskribo, reteja adreso, ktp!
Se mankas iu aranĝo, anoncu kaj registru ĝin senpage!
Diskonigu, reklamu la Kalendaron al viaj Esperanto-amikoj! Bonan vojaĝon, agrablajn travivaĵojn!

*László Szilvási, LS*



## Ĉu la civitanoj ne plu fidas siajn politikistojn ?

Kaj nun voĉdonas por iun ajn ŝanĝo ?

Unue Anglujo, nun Usono.

Roger Springer



## 3ZZZ



Aŭskultante la elsendon de la 7a de Novembro, vi ekscios iom pli pri la historio de Esperanto dank'al letero de Zamenhof kaj pri lando de la nordo de Eŭropo, Finlando, dank'al la raportoj de Raita Pyhälä, informas la kunvokanto por la Esperanto-grupo en 3ZZZ,
Franciska Toubale



Se vi estas membro de la radio ,vi ricevis inviton al la jarkunveno , kiu okazos la 30an de la novembro. Se vi ne povas ĉeesti, nepre sendu mandaton, ĉar ĉi tiu jaron estas voĉdona jaro por renovigi la konsilantaron de la radio

**Se oni ne sendas informon al AE, tiu novaĵo ne povas aperi en AE**

Reklamu viajn klubkunvenojn ĉi tie. Sendu la informon al rspring@tpg.com.au

Ne raportitaj kunvenoj rapide velkos el historio kaj memoro



